# PENSEO

N-ro 291

jan. / 2016

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### interhejtado

sub la firmamento plena de glacio
frotado de vortoj kun hararo flagrojn kaŭzas.
distanco de dek mil kilometroj
iĝas minuso. magivergo termofonton taŭzas.

2012.12.31

### malasimilado

kaĝoj nutras tigrojn katoj;
pro opi-ni-o.depresio zomas.
faboj transgenigitaj en la formo de burgero
sur la brusto de belinoj vibrante aromas.

2012.12.29 - 2

### serpentoj

serpento kelkdek metrojn longa mortis ĉe
vojego.
al ĝi frandemaj homoj restas apatiaj.
intervolviĝas du serpentoj sur tabulo nigra;
miaj klarigoj al studentoj estas ja antipatiaj.



2013.01.10

### efemera vintrodormado

mallaboremon mi preparis por vintrodormado
kaj jam entiris la kapeton en la karapacon.
sed mildaj klakoj de la fingroj kaj fiŝhoko
kunbutera
min vekis. oscedante, ĉe la pordo faras mi
grimacon.

2013.01. 7

## Mori (Usono)



### AFORISM-e(IO)

Glavo estas plumo
de idioto,
Plumo estas glavo
de poeto.

***

Evitu amikon kaprican
kaj malamikon malican.

***

Kalkuli je aliulo,
estas ja miskalkulo.

***

Se ĉiu homo zorgus
pri sia najbaro,
feliĉa estus
la tuta homaro.

***

Oni laŭ la sinteno
vivas kiel leono
aŭ azeno.

***

Ĉio estas
je la dispono
de saĝa, kuraĝa
persono.
***
Tiam mi sentas min
riĉa persono
kiam ĉiuj posedas
sufiĉe da mono.
***
Neniam ridu
pri la alia ulo,
krom, vizaĝe al la
stulta ulo
en la spegulo.
***
Frenezulo
kiam estas silenta,
aspektas saĝa
kaj prudenta.
***
Homo kiu estas
sekura,
libera kaj prospera,
helpu ke ĉiuj
estu sekura,
prospera kaj libera.
***
Politikistoj
samkiel malsaĝaj homoj
ofte estas
parto de la problemoj.
***
Vivi en paco,
liber' kaj prospero
estas denaska rajto
de ĉiuj sur la tero.



## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### En Dio

En la ĝardenoj (aŭ dezertoj)
de l' animo,
la voĉoj de l' sento
ideojn modlas,
kiujn la menso
ĉien radias.

Kaj la mensa uzino,
spegulo de l' vivo,
reflektas la dezirojn
el lumo (aŭ detruo)
je agordo
kun l' universo
de bildoj similaj.



Juiz de Fora, 1°/12/2015.

### Homo

Saĝulo diris:
komenciĝas Dio,
kie finiĝas
l'infinito.

Kaj l' Amo vin amas,
antaŭ ol via ekzisto;
Ĝi vidas vin anĝelo,
antaŭ ol via ekesto
kiel fajrero de vivo.

Juiz de Fora, 04/12/2015.

# Klarionado

Kial nur Kristnaske
krias la deziro
eklumigi bruste
stelon el amo?



Juiz de Fora, 08/12/2015.

## Paŭlo Silas (Brazilo)



# HARMONIE KOMUNA

Komplezo de saĝecoriĉaj langpintoj.
Eraromankaj, spertohavaj aĝ-vintroj.
Proponoj plus klarigoj kaj opinioj
Kaj ĉion komprenantaj intuicioj.

Maksimoj perfektigaj, trafaj eldiroj;
Gvidlini', ŝlosilvorto-plenaj konsiloj.
Alkonformiga korektaĵo plenumenda.
Hej! Citu ankaŭ agoplanon plej prudentan.

La celon, sen devojiĝinta forpaŝo,
Vi tiel taŭge, bone, prete plu sekvos.
Kondukos vin al ideala amaso

Ni, pensopova kaj pulsanta organo.
Rezoni? Ne! Pro tio, via kap' krevos!...
Obeu nin vi, eta part' el teamo!

# REFORMO

Duo disdividita en du eroj.
Pez' egaliga, frataj paraleloj.
Blanko, la nigro kaj la spaco meza.
Mortis la dub' en eco hipoteza.

Tamen la erojn duigis ribeloj.
Kvaro kverela laŭ ĉies preferoj.
Ĉu apartig' de la kreem' geneza
Aŭ la malpac' eterna kaj hereza?

Modelo primitiva jam perdiĝas.
Konstruan malkonstruon ni neprigu.
Reveni por antaŭenpaŝi poste.

Mi scias, ke vi tial malfeliĉas.
Sed gravas pli, ke ni, kun ver', amiku
Ol vidi la malver' triumfi toste.

## Cezar (Germanujo)



# Transloĝinte

***(por eksplodema esperantistino)***

**I**

Vivi elskatole
kaj ne libervole,
inter multaj pakoj
kaj tre grandaj sakoj.

Lito, nova, restas,
kion ŝi tuj testas.
Nuda ŝi englitas,
sed al tentoj spitas.

Inter sak' kaj pako,
mankas varma jako.
Vivo elskatole,
eĉ senalkohole.

Vivo do sen viro,
sen konsola diro?
Ĉu ŝi lin forlasis,
ĉu la amo pasis?

Eble edz' ne rolas,
ĉar ŝi inon volas.
Mi ne povas scii
kaj ne emas fii.

**II**

Se humur' ne mankus,
ŝi pri l' versoj dankus.
Sed ŝi tuj ekkrias,
ke poetoj fias.

## Pacon ne nur je Kristnasko

Festa familio sidas
apud kristnaskarb' en rond',
kaj neniu tie fridas,
kvankam fridas en la mond'.
Ekjubilas kun favor'
kantoĥor'!



Avo faras festprogramon
kun avino ĉe la flank'.
Ĉiuj sentas iel amon
kaj aplaŭdas eĉ kun dank'.
Jen jam frapas ĉe la pord'
nun kun fort'.

Nikolao mem envenas,
ruĝvestita por la fest',
parolante ĉiujn benas,
tre ŝvitante sub la vest':
„Pacan feston en konkord'!
Mia vort'!“

Sed malgranda knab' sur loko
sin tretadas per pied',
siajn vortojn nur post voko
metas flustre kvazaŭ pet'.

Li demandas kun dolor'
post esplor':

"Kara Nikolao mia,
mankas al la vortoj klar'.
Pacon nur dum festo nia?
Kial ne dum tuta jar'?
Kial pacon, ho, sinjor',
nur dum hor'?"

Sankta Nikolao miras,
staras iom en silent',
ĝis li tre solene diras :
„Ho, ho jes, konsent'!.
Pacon ĉiam kun fervor',
knab' el or'!“

## Siv Burell (Svedujo)



## Strange aŭ artece?

Preni paperon kaj penikojn
kaj fantazie krei meblojn,
seĝojn, bretarojn —
tre facile estas
kaj laŭdon ne forestas.
Vian surskribon surbilde estas.



*pentraĵo de la aŭtorino*

Sed se solidan fortikan seĝon
vi bezonus ĉarpentan lignon,
mezurilon,
martelon,
gluon!
Aplaŭdon vi ne ricevas
memklare vi ja devas

fari taŭgan seĝon,
fidante la leĝon
esti anonima faristo
sen famo kiel artisto.

## Ĉuisto (Ĉinujo)



### Disiĝo

Iam pli profundis nia am'
Ol la lazura senlima maro.
Sed nun kun mi rompis vi jam,
Sen kompat' kaj sen toler'.
Kiu kulpas? Ĉu mi sola?
Kiel flor' velkinta sur la ter'
Restas mi ja senkonsola.



### Alkroĉiĝemo

Sunradi'
Kisas roson sur foli'
Delikate kaj ameme.
Ĉe foriro
Ros' aspektas heziteme.
Ŝia korinklino
Al la folia sangvino
Ŝin malhelpas iri for.
Pro rimorso en la kor'
Ŝi gutfalas malgraŭvole
Sur la teron senkonsole.

## Milton Nascimento (1942-)



### Koro de studento

*(kantteksto)*

Ion mi volas paroli
Kie ĝi estas, divenu
Eble ĝi kuŝas enbruste
Aŭ laŭfluas tra l' aer'

Ĝi povas esti apude
Pli proksime ol supoze
Junecofolio estas
Sen dubo l' nom' de tia am'

Ĝiaj sonĝoj jam stuciĝis
Ĝia destin' devojiris
Ĝia ridet' de infano
Kiomfoje ho sin kaŝis

Sed espero renoviĝas
Kun novaŭror' ĉiutage
Oni l' ŝoson decprizorgu
Por ke ŝprucu l' viv' je
Flor', flor' kaj frukto

Ke al koro de studento
Oni vivon priatentu
Oni priatentu l' mondon
Tie amikec' ne velku

Ĝojo nur kaj multa sonĝo
Dise iras sur la vojo
Verdaj sin prezentas sentoj
Plantoj, kaj la kor'
Kaj junec', kaj fid'



*Esperantigis*



## Ŭel Roŝa (Brazilo)

## Mikołaj Biernacki (1755-1837)

### IDILIO

Jen idilio sur tero:
Vermon englutas pasero,
paseron kato strangolas,
hund' katon disŝiri volas.
Hund' por lup' menu' estas,
lupon pantero digestas,
panteron leon' disŝiras,
leonon homo martiras.
Post mort' homon vermo rodas,
— tiel vivo epizodas.

*Esperantigis:*



**Edward Jaśkiewicz**

**(Pollando)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

## ĈAPITRO KVARA

# Tiu ĉi homa mondo

**§04-07**

Iam vivis ĝibulo nomata Zhili Shu. Lia mentono tuŝis lian umbilikon; liaj ŝultroj estis pli altaj ol lia kapo; lia hartubero direktiĝis ĉielen; lia dorso estis turnita supren; liaj femuroj estis premitaj al liaj ripoj. Farante kudradon kaj vestolavadon, li perlaboris sufiĉe por sin vivteni; farante ventumadon kaj kribradon de greno li povis perlabori sufiĉe por vivteni dek familianojn. Kiam la konskripcia ordono estis donita, li povis promenadi senzorge inter la homamasoj. Kiam la regno organizis devigajn publikajn laborojn, li povis esti libera de tiuj servoj pro sia dumviva invalideco. Kiam la regno disdonis grenon al la malsanuloj kaj kripluloj, li povis ricevi sian porcion el tri mezuroj da greno kaj dek faskoj da brulligno. Se homo fizike misformita kiel Zhili Shu povas vivi sian plenan vivdaŭron, kiel multe pli facila tio estas por la homoj, kies virto estas misformita!

**§04-08**

Kiam Konfuceo estis en la regno Chu, Jieyu, ermito en Chu, vagis antaŭ lia pordo, kantante:

"Ho Feng-birdo! Ho Feng-birdo!
Kial via virto tiel degeneras!
Pri la estonteco ni ne povas scii;
La pasintecon ni neniel povas revenigi.
Kiam la Taŭo regas en la mondo,
La saĝulo povas plenumi sian mision;
Kiam la Taŭo ne regas en la mondo,
La saĝulo povas nur konservi sian vivon
Vivante en la hodiaŭa mondo,
Li esperas nur saviĝi de la puno.
Pli malpeza ol plumo estas la feliĉo,
Tamen neniu konas ĝian veran valoron.
Pli peza ol la tero estas la malfeliĉo,
Tamen neniu scias kiel ĝin eviti.
Forlasu do! Forlasu ĉion, al kio vi strebas!
Ne plu prediku, nek elmontru vian virton!
Gardu vin! Gardu vin!
Estu singarda pri via paŝado!
Ho dornaĵoj! Ho dornaĵoj!
Ne bloku miajn vojon!
Ho dornaĵoj sur la vojo!
Ne vundu miajn piedojn!"

**§04-09**

La montaj arboj mem kaŭzas al si hakfaligon — la tenilo de la hakilo ja estas farita el ligno. La sebo konsumiĝas per si mem

— ĝi brulas sur la fajro. La cinamo estas manĝebla, sekve la arboj, kiuj donas ĝin, estas hakfaligitaj. La lako estas utila, sekve la arboj, kiuj produktas ĝin, suferas tranĉadon. Ĉiuj scias la utilecon de utilaj objektoj, sed neniu scias la utilecon de senutilaj objektoj.

## ĈAPITRO KVINA

# Signoj de kompleta honesteco

### §05-01

En la regno Lu iam vivis viro nomata Wang Tai, kiu estis mutilita je la piedo. Li havis preskaŭ tiom da disĉiploj, kiom Konfuceo havis. Chang Ji demandis Konfuceon, dirante:

"Wang Tai estas kriplulo, tamen li havas tiom multe da disĉiploj, kiom vi havas en la regno Lu. Li ne povas instrui starante, nek prediki sidante, tamen liaj studentoj venas al li kun malplena menso kaj revenas hejmen plenplenaj de scioj. Ĉu vere ekzistas tia homo, kiu instruas sen vortoj kaj komprenigas sen leciondono? Kia do estas tia persono?"

"Li estas vera saĝulo," respondis Konfuceo. "Mi ja devus lin viziti sufiĉe frue. Eĉ mi mem iros al li kaj prenos lin kiel mian instruiston, por ne paroli pri tiuj, kiuj ne estas egalaj al mi. Mi volos konduki al li la studentojn ne sole de la regno Lu, sed eĉ de la tuta mondo, por lerni de li."

"Li estas homo kripla," diris Chang Ji, "kaj tamen li estas supera al vi kaj multe pli al la ordinaruloj. Se estas tiel, kia do estas lia aparta maniero uzi sian menson?"

"La vivo kaj la morto havas grandan gravecon por la homo," respondis Konfuceo, "sed ili tute ne influas lin. Eĉ se la ĉielo kaj la tero renversiĝos, li ne pereos kun ili. Estante homo preskaŭ perfekta, li konas la plej altan veron de ĉiuj estaĵoj, tiel ke li neniam ŝanĝiĝas kun ili. Li lasas la aferojn sekvi sian naturan vojon kaj mem alkroĉiĝas al la Taŭo."

"Kion do signifas viaj vortoj?" demandis Chang Ji.

"Se ni ekzamenas aferojn rilate iliajn diferencojn, la hepato kaj la galo estas malsamaj inter si kiel la regno Chu kaj la regno Yue. Se ni ekzamenas aferojn rilate iliajn similecojn, ĉiuj estaĵoj estas nur Unu. Tiu, kiu rekonas la unuecon originan, forgesas la distingon inter tio, kion la orelo aŭdas, kaj tio, kion la okulo vidas, kaj lasas sian menson vagadi en la regno de natura harmonio. Ĉar li vidas ĉiujn estaĵojn kiel Unu, li ne plu perceptas mankon. Por li la perdo de unu piedo estas same kiel la perdo de bulo da tero."

"Sed li kulturas nur sin mem," kontraŭdiris Chang Ji. "Li perfektigas nur sian menson per siaj scioj kaj scias atingi la eternan menson per sia propra menso. Kial do tiom da disĉiploj kolektiĝas ĉirkaŭ li?"

"Oni uzas kiel spegulon ne la akvon kurantan," respondis Konfuceo, "sed nur la kvietan, ĉar nur tio, kio mem estas kvieta, povas inspiri kvietecon al alio. El tiuj estaĵoj, kiuj ricevas sian vivon el la tero, nur la pino kaj la cipreso restas verdaj kiel en la somero, tiel ankaŭ en la vintro. El tiuj homoj, kiuj ricevas sian destinon, nur la reĝoj Yao kaj Shun gardis sian originan honestecon. Ĉar ili honestigis sin mem, ili en sia pozicio povis honestigi ĉiujn aliajn homojn. Tiu, kiu gardas sian originan simplecon, ne konas timon; li havas la kuraĝon penetri tute sola en la tendaron de la malamika armeo. Se militisto povas esti tiel kuraĝa en sia serĉado de gloro, kiel multe pli kuraĝa povas esti tiu, kiu prenas la ĉielon kaj la teron kiel sian regnon, ĉion en la mondo kiel trezorejon kaj la korpon kiel sian provizoran loĝejon, kiu konsideras kion li vidas kaj kion li aŭdas nur kiel iluziojn, kiu identigas la inteligentecon kun sia objekto, kaj kies menso estas senmorta! Li elektos sian tagon por supreniri al la Ĉielo, kaj homoj lin

sekvos. Kial do li degnus zorgi pri tiuj ĉi vulgaraj aferoj?”

*Elĉinigis*



## Wang Chongfang

## (Ĉinujo)

# Ĉineske

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Malhela flanko de la Homo

— laŭ ĉinesko Sopir-al-Sudo*

Kiel mi
kantu pri amo
kiam senfrukta sento
jam nestiĝis. Ĉi amo
al fi-teamo.

Besteca
senhonta ago
ŝokis mondon terure,
brute per sanga pago.
Fida reago.

Ĉagrenas
honestaj koroj.
Surdiĝas kompatemo,
humaneco, la floroj,
de la hommoroj.

Popola
saĝeco venkas
unuiĝante pace
kontraŭ teroro preĝas.
Pacon favoras.

Tamen, ni
Homojn mortigas.
Ĉu tia bonfaremo
la homojn plibonigas?
aŭ nin bestigas?

### Dubo

— laŭ ĉinesko Sopir-al-Sudo*

Viciĝas
tagoj amare.
Nenien kondukos nin
malkonfido. Ĉi-jare
zorgas ni, pare.

Nescio
maloportune
forprenas, senrevene
nian feliĉon, pune.
Ploras ni kune.

Decembra
nigra nokto. Ho.
Senesperiĝanta ŝi
Ĉu maten’ kiel eĥo
redonos vin. Ho!

Malamo
malrespektemo,
estas homa malfortec’
Ĉu venkos singardemo
kaj toleremo?

Vekiĝu!
mi preĝos forte.
Vivo unikas. Kredu
vi en amo ĝismorte
malgraŭ ĉi-sorte!

### Decembra promeno

— laŭ ĉinesko Sopir-al-Sudo*

Mateno
nebuliĝis. Ve,
ŝi ĝojiĝis al bela
agrabla vespero, tre

ekscitis, por ke?

Ju pli da
emoci' des pli
da surprizoj atendos
min, elbalbutis en si ,
malgajiĝa ŝi.

Manoj jam
ruĝiĝis froste.
Promenante tra urbo
facilvestita. Poste
tremis ĝisoste!

Ek al vi,
diris ŝi honte.
Kapjese li akceptis.
Ĉaron, prunteprenonte
pelis. Volonte.

Varmega
nigra ĉokolad'.
Kia varmeco dolĉa.
Jen, klakadis ĉarorad'.
Dank' al kamarad'.

## Blanka ĉapeleto

— laŭ ĉinesko Sopir-al-Sudo*

Bezonis
vi manon ŝian.
Okuloj larmiĝis. Ve,
bedaŭro krias ĉiam.
Forges' neniam.

Klimato
tre ŝanĝiĝanta.
Aŭtunas ĉi Decembro
Tago sune brilanta.
Jen, vir' bananta.

Ĉapelet'
blanka, surkape
li honore mallevis.
Rigardadis ŝi gape.
"Via land', surmape?"

Rendevu'
ĉe verda valo.
infaneco senzorga.
Ekfloranta konvalo.
kaj via "halo".

Memoro
perfekta. Dume
ili maturiĝis. La
vojoj kruciĝis lume,
kisis brakume.

**Sopir-al-Sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el 35,77,5 silaboj kun rimarango xa,xa,a (x=senrima)*

## Aleksandr Kovtun

# Tiraĉo

Mi malŝatas vendredojn. Multaj homoj tre ŝatas ilin – ja vendredo estas fino de semajno. Sed mi malŝatas libertagojn, ĉar en tiuj tagoj mi restas sola. Mi jam havas 45 jarojn. Mi laboras en oficejo de granda solida kompanio. Sed mi ne povis fari karieron. Mi ne ĉagreniĝas – oni estimas min, bone pagas, por vivo tiu mono sufiĉas al mi. Ankaŭ ĝenerale mi estas ne kaprica!

En tiu vendredo mi estis en oficejo nemulte pli longe ol kutime, sed tio ne savis min kontraŭ trafikŝtopiĝoj kaj malrapida strata trafiko (tiraĉo) en stratoj de nia urbo. Mi delonge rimarkis, ke en vendredo oni ofte elŝaltas semaforojn ŝanĝante ilin per regulistoj. Kaj tiam okazis ne tio, kion atendis inspektistoj de strata trafiko. Anstataŭ komforto tiuj elŝaltoj de semaforoj donas al urbo multkilometrajn tiraĉojn. Tio estas kompreneble – ordinarajn skemojn kaj kutimojn, kiujn ŝoforoj akiris dum multaj jaroj, subite iu rompas. Ĉiuj volas veturi per kutima itinero, ĉiuj volas pli rapide alveturi hejmen, ĉiuj ien rapidas, sed tuj aperas "ŝanĝo de reguloj de ludo"! Konsterniĝo, tumulto, eĉ paniko aperas en kapoj de ŝoforoj. Kolektiĝas amasoj el centoj, eĉ el miloj, da aŭtoj. Kaj amaso "formanĝas" personon. Tiraĉoj kaj

trafikŝtopiĝoj komencas vivi per sia vivo. El apartaj anoj de trafiko ni transformiĝas en brutaro, kie regas siaj leĝoj, kaj kie oni ne ŝatas tiujn, kiuj ne subordiĝas al tiuj leĝoj...

Hodiaŭ okazis ĝuste same. Tiraĉo aperis en vojo ankoraŭ ĝis tio, kiam mi elveturis al bulvardo de Ŝevĉenko. Oni elŝaltis semaforojn, starigis regulistojn – kaj jen estas rezulto. Ĝi iĝis kiel tradicio.

Elturniĝante kontraŭ taksioj, mallaŭte kverelante mi iel alrampis ĝis Universitato kaj turniĝis al strato Vladimirskaja. Ĉu verŝajne ĉi tie estas pli vaste? Sed kiam mi post semaforo turniĝis al placo de Tolstoj, mi komprenis, ke mi "trafis". Ĉi tie estis eĉ ne tiraĉo sed trafikŝtopiĝo. Post 20 minutoj mi pli multe kolerante kaj diabliĝante alrampas ĝis placo kaj komprenis, ke mi devis ie atendi ĝis ĉesos la trafikŝtopiĝo. Tutegale utilo pro tia veturo ne estis, kaj ankaŭ mi nenien rapidas. Turniĝinte al strato de Krasnoarmejskaja mi haltigis aŭton kaj rerigardis. Nu kien mi veturos? Manĝi mi ne volas. Sed kafo estos bonokaze. Oh! Jen apude estas bona kafejo!

En halo malgraŭ vespero estis ne multe da homoj. Mi sidiĝis ĉe tableto en aparta loko apud pordo. Mi me ŝatas, kiam oni fikse rigardas min. Mi mendis kafon kaj komencis senpense rigardi preskaŭ ne moviĝantan fluon de aŭtoj sur vojo. Se paroli honeste, en fino de semajno mi tre laciĝis, kapo similas pilkon, kiun oni vatis. Mi volis ripozi, esti sola. Nun mi veturos al sia malnova dometo ĉe bordo de lago apud arbaro.

En tiu tempo tiraĉo sur vojo ne ĉesis. Mi rigardis tra fenestro kaj subite en reflekto ekvidis, ke post mia dorso haltis virino kaj komencis rigardi min. Mi simulis, ke mi ne rimarkis ŝin kaj daŭrigis rigardi tra fenestro.

– Sergio! Ĉu tio estas vi?

Diablo prenu! Nu kion vi bezonas, kaj kiu vi estas? Mi returniĝis. Mia Dio! Mi ne volas tion!

– Ĉu Sveta? Vi de kien aperis?

– Mi estis ĉi tie en oficvojaĝo. Hodiaŭ vespere mi forveturos. Kial vi ĉi tie sidis? Ja vi estas ĉi-loka, kial vi promenas laŭ kafejoj?

– Jen mi atendas, – mi kapoklinis al fenestro. – Sidiĝu apude.

Ŝi sidiĝis ĉe mia tableto, kaj komenciĝis interparolado de du delonge ne renkontiĝantajn homojn pri ĉio kaj pri nenio. Ĉe mi interne komencis pligrandiĝi streĉo. Ja mi kaj Sveta estas delonge konataj. Ankoraŭ de studentaj jaroj. Mi amis ŝin. Ŝi sciis tion, eĉ provis protekte instrui min, por ke mi estu pli decidema kaj pli kuraĝa. Sed poste ŝi edziniĝis al mia samkursano. Mi eĉ ne sukcesis forte ĉagreniĝi – en juneco mi trankviliĝis pli rapide ol nun.

Poste ni longe ne renkontiĝis. Mi ankaŭ edziĝis, sed el mia familia vivo nenio rezultis. Post kvin jaroj post geedziĝa festo mi kaj edzino disiĝis.

Sed en vica renkontiĝo de kurskolegoj mi renkontiĝis kun Sveta ree. Ŝi aspektis belege. Ŝi iĝis pli bela. Estas mirinde, sed jaroj faris ŝin pli belan! Ŝi iĝis pli virineca, pli trankvila. Mi kvazaŭ denove malfermis ŝin. En tiu vespero ni parolis dum multaj horoj. Intercetere ŝi rakontis, ke ŝi disiĝis kun edzo, ke ŝi nun mem ne komprenas, kial ŝi rapidis edziniĝi, ke malgraŭ ĉio nun ŝi vivas pli bone, ke ŝi iĝis tre memstara, ke ŝi havas viron, kun kiu ŝi renkontiĝas... Se paroli pli mallonge – ĉe ŝi ĉio estas bone, sed nur en ŝiaj okuloj estis ia malĝojo. Mi sentis tion. Mi ĉiam, kiel okazis, bone sentis ŝin. Mi kaj ŝi foriris de tiu renkontiĝo, des pli la renkontiĝo transformiĝis en ordinara festeno, kie ĉiu volis montri sin kiel gravan personon.

Mi kaj Sveta promenis laŭ konataj stratoj de urbo de nia juneco, rememoris, silentis... Kaj jen tiam, kiam ni silentis, mi komprenis, ke mi ankoraŭ amas ŝin tiel same kiel en juneco. Mi altiris ŝin al mi kaj finfine alpremiĝis al ŝiaj lipoj. Ŝi respondis al mia kiso... Restaĵon de nokto ni pasigis en mia ĉambro en gastejo. Sveta estis karesa kaj tenera. Mi dronis en miaj kaj ŝiaj sentoj, perdante kapon, ne rimarkante tempon. Sed venis mateno. Sveta vekiĝinte iel ektumultis, rapide kaj ne rigardante miajn okulojn komencis prepariĝi. Mi komprenis nenion. Mi provis haltigi ŝin sed ekaŭdis akran "Lasu!" Klarante nenion ŝi forkuris. Mi serĉis ŝin, telefonis, korespondis al ŝi, sed al respondo estis silento. Mi sidiĝis al aŭto kaj alveturis al ŝia urbo. Mi sen peno trovis ŝin. Sed renkontiĝo donis al mi nenion bonan. Same senemocie kaj eĉ kun teruro ŝi rigardis min donante kompreni, ke ŝi

bedaŭras pri tio, kio okazis en tiu vespero. Kiam mi volis aliri al ŝi, ŝi ĵetis sin al alia flanko de strato. Ĉio estis kompreneble. Mi komprenis, ke tio estas fino. Mi silente foriris pensante, ke mi neniam ekvidos ŝin. Mi ĵuris elŝiri ŝin el mia memoro kaj faris tion dum tuta mia vivo...

Kaj jen! Ŝi estas ĉi tie.

Interparolo, kiu jam estis malrapida, tute mallaŭtiĝis. Mi rimarkis, ke mi malsaĝe rigardas tra fenestro. Kio okazas kun mi? Ĉu mi ne forgesis ŝin? Returniĝinte al Sveta mi subite puŝiĝis al ŝia rigardo. Ŝi rigardis sen moko sed serioze kaj eĉ ellerneme.

– Jaroj faris vin pli interesan, ol vi estis en juneco.

Mi sentis, ke ankoraŭ nemulte kaj mi ne eltenos.

– Aŭskultu, Sveta! Vi pardonu min, sed mi devas rapidi. Mi devas veturi malproksimen, ĉu vi komprenas? Se vi volas, mi povas alveturigi vin ien.

– Ĉu? A-a... Jes, se por vi tio estas ne embaraso... Al stacidomo.

Mi kvitiĝis, kaj ni eliris al strato. Ni silentis, dum ni sidiĝis en aŭton. Sveta iel kvietiĝis kaj kunpremiĝis. Ni ekveturis, tiraĉo nemulte iĝis pli malgranda, sed tamen aŭtoj moviĝis tre malrapide.

– Serjoĵa*, bonvolu aŭskulti min. Sed vi ne kontraŭdiru min. Mi ĝojas, ke mi ekvidis vin. Mi honeste diras, ke tiun oficvojaĝon mi organizis speciale, por ke mi povu ekvidi kaj paroli kun vi. Kiam mi veturis ĉi tien, do mi denove ektimis, ne komencis serĉi vin. Sed ĉi tie okazis tia renkontiĝo, tio estas simple sorto... Afero estas en tio, ke mi nur antaŭnelonge komprenis, ke neniu kaj neniam amis min tiel, kiel vi. Vi estis pli bona ol mi.

– Sveta, mi volas diri...

– Atendu! – ŝi kontraŭdiris al mi. – Mi scias, kion vi volas diri. Se vi pensas, ke mi ne bedaŭris pri mia ago, do vi eraras. Ja mi vidis, kio okazis kun vi. Sed tiam mi ektimis! Jes! Mi simpe ektimis, ke mi permesos al mi ekami! Mi tiam ofendis vin, pardonu!

– Jes, tion vi ĝuste diris – "mi ofendis" – diris mi malice ridetante. Mi mem rememoris, kiel mi travivis humiligon, kiu dispremis min dum longaj jaroj.

– Bone, Sveta. Ĉio jam foriris. Tiom jaroj pasis!

– Serjoĵa. Mi ne volis kaŭzi doloron al vi. Nun mi povas diri al vi, ke tiam mi volis ordigi mian vivon kun alia viro. Sed nenio rezultis. Sed poste mi komprenis, ke mi amas vin, kaj ke mi estas stultulino... Fiera stultulino.

Ŝi eksilentis. Kiel dum dormo ŝi elmetis el saketo cigaredojn, prenis unu cigaredon kaj rigidiĝis. Mi donis al ŝi fajrilon. Sveta ekfumis. Cigaredo nemulte tremis en ŝia mano.

– Serjoĵa, ĉu vi povas pardoni min kaj komenci ĉion de komenco?

– Sveta, trankviliĝu. Ĉio pasis. Nun malfrue paroli pri tio.

– Diru, ĉu mi ankoraŭ plaĉas al vi? – subite ŝi demandis.

– Nu vi estas en plena ordo! Vi aspektis belege, – rapide mi elpuŝis el mi unuan frazon, kiu venis al mia kapo. Kaj tuj mi bedaŭris pri tio. Sveta iel mirigite rigardis min, poste returniĝis al malfermita fenestro kaj elspiris tien flueton de fumo. Ŝi nur silente kapoklinis rigardante malnovajn domojn. Mi ne scias, pri io ŝi pensis, sed mi terure ekvolis alpremi ŝin al mi kaj kompati. Sed mi nur enkroĉiĝis en direktilo de aŭto. Ne, mi devas pli rapide finiĝos ĉi ĉion!

Ni alveturis al stacidomo. Haltiginte aŭton apud centra enirejo mi eliris el aŭto. Sveta sidis pri io pensante. Mi helpis al ŝi eliri, fermis pordeton kaj ial konstante pensis pri tio, por ke ne kisu ŝin dum adiaŭo. Tion mi ne bezonas! Por kio estas ĉi ĉio? Mi ne volis ree rompi min. Mi ne volis ree maltrankviliĝi pro ŝiaj kapricoj, ree adaptiĝi al ŝia karaktero. Ĉu al mia karaktero ŝi adaptiĝos?

Mi komencis koleri al mi. Jen kiel difektiĝis vespero! Pro kio mi eniris en la kafejo? Ĉu mi por ŝi estas ludilo?

Ŝian trajnon oni jam donis por envagoniĝo. Mi estis devigata akompani ŝin ĝis kajo. Antaŭ vagono ŝi subite haltis kaj rapide returniĝis al mi. Kiel iam delonge per gesto, kiun mi jam forgesis, sed kiu estis por mi tre kara, ŝi metis sian manplaton al mia brusto kaj diris:

– Serjoĵa, forgesu ĉion, kio estis malbone! Provu kompreni kaj pardoni min!

Mi rigardis al ŝiaj okuloj kaj rigidiĝis. Malvarmo trakuris laŭ mia spino. Mi ree ne povis deŝiri rigardon de ŝiaj okuloj, kiel tiam... Ni silente staris kaj

rigardis... Kaj tuj mi komprenis, ke mi same forte amas ŝin, ke mi kiel lasta idioto estas preparita forgesi kaj pardoni ĉion, ke al mi ne sufiĉas ŝi dum tuta mia vivo. Mia Dio! Pro kio al mi estas tiaj turmentoj?!

– Civitanoj, ĉu vi eniros aŭ rigardos unu la alian? – kondukistino mokeme demandis. Tio elirigis min el stuporo. Kio okazas kun mi? Ĉu mi bezonas ĉi ĉion? Mi ne bezonas ĉi ĉion!

– Do, Sveta, vi efektive devas iri. Mi ĝojas, ke mi ekvidis vin. Bonan vojaĝon! Mi devas veturi al hejmo al familio.

Sveta silente kapoklinis, poste serĉis ion en saketo kaj donis al mi vizitkarton.

*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

– Ĉu vi telefonos?

– Bone. Nu adiaŭ.

– Adiaŭ.

Leviĝinte al placeto de vagono ŝi returniĝis kaj mallaŭte diris:

– Vi ne havas familion, ja mi pri vi ĉion scias. Vi estas stultulo, Serjoĵa. Kaj mi ankaŭ.

Kaj ŝi foriris.

Kiam mi elveturis el urbo, mi elmetis ŝian vizitkarton kaj longe tenis ĝin en mano karesante per fingroj, kvazaŭ memorfiksis per tuŝo. Ne, tio ne estos! Mi ne povos elteni ankoraŭfoje, mi ne volas!

Mi malfermis fenestron kaj forĵetis vizitkarton sur vojon. Fino!

Mi ŝaltis muzikon pli laŭte kaj ekveturis. Kiam vojo flugas al vi, kuregante per arboj laŭ flankoj, elprovante vin per turnoj kaj neatendintaj kavetoj sur asfalto, ĉi tie ne estas loko por rememoroj...

Mian dometon mi atingis jam nokte. Vetero freneziĝis. Estis akra vento, sed estis varmege. Mi rapide mergiĝis en lago kaj enkuris en domon jam akompanata per unuaj gutoj de pluvo. Fino. Mi volas dormi...

Nokte min vekis krako de tondro. Trans fenestro ĉio sonis kaj bruegis. Returniĝante de flanko al flanko mi komprenis, ke mi plu ne povas dormi. En kapo kiel en bulo turniĝis pensoj, miksiĝante inter unu la alian, deŝiriĝante kaj ree aperante. Mi eniris en kuirejon, ŝaltis lampon kaj metis al fornoplato tekaldronon.

Mi sidiĝis al tabureto, elrigardis al fenestro, kie mi ekvidis, kiel vento turmentis maljunan pomarbon. Kaj subite en memoro aperis ŝiaj okuloj, karesaj lipoj kun ebriiganta gusto de beroj, mi rememoris ŝiajn karesajn manojn kaj tiun nokton... Kiel mi amas vin, Sveta... Mia Dio, kiel vi povis tiel agi kun mi?! Kaj pro kio mi ne diris, ke ankoraŭ atendas vin? Nu kial ĉio estas tiel malsaĝe? Tekaldrono delonge bolis kaj vezikiĝis, sed mi sidis ĉirkaŭpreninte kapon per manoj en ia malsaĝa stuporo. Mi ree perdis ŝin. Tiu penso turniĝis senfine. Nu kial mi tiel agis? Kial mi tuj depuŝis ŝin? Kial vivo instruis al ni nenion? Kaj subite en cerbo aperis Sveta. Mi ekvidis, kiel ŝi staras sur placeto de vagono, malĝoje ridetas al mi kaj parolas: “Vi estas stultulo, Serjoĵa...”

Mi leviĝis, elŝaltis tekaldronon. Mi nelonge staris en mezo de kuirejo ĉirkaŭrigardante kaj ne rekonante la kuirejon pro ekbruloj de fulmoj. Poste mi elmetis el malvarmigejo konjakon, enverŝis grandan glason kaj drinkis dum unu momento... En tiu nokto mi unue dum multaj jaroj ebriiĝis...

“Vi estas stultulo, Serjoĵa...”

* *Serjoĵa* – rusa karesa formo de nomo Sergio.

*Esperantigis*

**Igorj Ĥomjakov**
**(Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Retadreso: vejdo@163.com
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_